) Octobre 1907. | 20ª Oktobro 1907. 70ª NUMERO. 6ª JARO, 3ª numero. | 20ⁿ October 1907

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

)FICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

)gane officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.
)'ilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,
53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

Au moins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon. (Statuts p. II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . » 0,25
1e et 2e année ) en Belgique ( . » 5,00
3e, 4e et 5e » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . Sm. 2,40
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 2,80
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 4,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,10
1a kaj 2a jaro) en Belgujo ) . . « 2,00
3a, 4a kaj 5a » ) *ĉiu* ) . . » 2,40
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . . » 0,40

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . » 0,25
1e en 2e jaar ) in Belgie ) . . » 5,00
3e, 4e en 5e jaar) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . *meer* . » 1,00

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch,**
**BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn nojn. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | | Nacie | | Internacie |
|---|---|---|---|---|
| **Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | Sm. | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) II. 313 | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118bis, rue d'Assas, Paris, . . . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Germana Esperantisto**, allemand-esp., MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Helpa Lingvo**, Fino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.15 | » | 1.20 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **Laboro**, Sro Paul Blaise, 4, rue Bourg Tibourg, Paris IVe . . . . . . | » | 3.00 | » | 1.20 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska no 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . | k. | 2.40 | » | 1.00 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | » | 2.50 | » | 1.00 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **The American Esperanto Journal**, Boulevard Station, Boston, Mass. . . . | d. | 1.00 | » | 2.00 |

**Espérantistes !**

**Détachez cette feuille intérieure de la couverture et utilisez-la pour la propagande !**

**Esperantisten !**

**Neemt dit binnenste blad van den omslag weg en benuttigt het voor de propaganda !**

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Ligue Espérantiste Belge.

## Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR.

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.

le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.

le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.

le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.

le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles.

### EEREKOMITEIT.

MM. A. LECOINTE, Ingénieur en chef honoraire de la Marine Belge, Bruxelles.

J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.

MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.

O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.

ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. UITVOEREND KOMITEIT.

**Siége : BRUXELLES, RUE DE TEN BOSCH, 53.**

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Vice-présidents* (Ondervoorzitters) : MM. VAN DER BIEST-ANDELHOF et LUC. BLANJEAN.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. JOS. JAMIN.
*Trésorier* (Schatbewaarder) : M. J. COOX, Bruxelles.
*Membres* (Leden) Melles A. Guilliaume, E. Lecointe, MM. H. Calais, O. Chalon, Ed. Mathieu, Commandant Mengal, H. Palmer, Dr M. Seynaeve, Sloutzky, Thiry, Dr R. Van Melckebeke, Lt. Van Weyenbergh, Lt. Cl. Vermeulen, A.-J. Witteryck.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Général :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Schrijver

**rue de Ten Bosch, 53, Bruxelles.**

### EXTRAIT DES STATUTS.

Art. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

Art. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

Art. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

Art. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

### Uittreksel der Standregelen.

Art. 1. — Onder den titel « **Belgische Esperantische Bond** » (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

Art. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

Art. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

Art. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

# Règles grammaticales de l'Esperanto.

## Alphabet — Prononciation.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (tchèque), D, E = é (été), F, G dur (gant), Ĝ = dj (adjudant), H aspiré, Ĥ = h guttural, son mixte entre le h et le k (très rare), I, J = y (yeux), Ĵ = j (jour), K, L, M, N, O, P, R (un peu roulé), S (sifflant), Ŝ = ch (chat), T, U = ou, comme dans bouche, Ŭ = ou, comme dans oui, V, Z.

Toutes les lettres conservent toujours leur son alphabétique et doivent toujours se prononcer séparément, sauf les 2 diphthongues *aŭ* et *eŭ*.

***

*Règle 1.* L'Esperanto n'a qu'un article défini *la*, invariable. Il n'a pas d'article indéfini.

*Règle 2.* Le substantif se termine par *o*. Le pluriel se forme par l'adjonction de *j*. — Le complément direct se marque par la terminaison *n* :

*La patro, la patroj.*

Complément direct : *La patron, la patrojn.*

*Règle 3.* L'adjectif se termine par *a* et suit les règles du substantif : *patra, patraj, patran, patrajn.*

*Règle 4.* Les adjectifs numéraux cardinaux sont invariables : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Ces adjectifs peuvent s'employer substantivement et adverbalement : *trio, sepe.*

*Règle 5.* Les pronoms personnels sont : *mi* (je, moi), *ci* (tu, toi, peu usité), *li* (il, lui), *ŝi* (elle), *ĝi* (il ou elle pour les animaux et les choses), *si* (soi), *ni* (nous), *vi* (vous), *ili* (ils, elles).

*Règle 6.* Les terminaisons verbales sont au nombre de 12 : infinitif *i : fari* = faire ; présent *as* : *mi faras* = je fais ; passé *is : vi faris* = vous faisiez, vous avez fait ; futur *os : ili faros* = ils feront ; conditionnel *us : ŝi farus* = elle ferait ; impératif *u : faru* = fais, faites ; *ni faru* = faisons ; *ili faru* = qu'ils fassent.

Participe actif : présent : *ant : faranta* = faisant ; passé *int : farinta*=ayant fait ; futur *ont : faronta*=devant faire, qui fera.

Participe passif : présent *at : farata* = étant fait ; passé *it : farita* = ayant été fait ; futur *ot : farota* — devant être fait, que l'on fera.

Verbe auxiliaire unique *esti* = être.

*Règle 7.* L'adverbe est caractérisé par *e.*

*Règle 8.* Toutes les prépositions régissent le nominatif.

*Règle 9.* Chaque mot se prononce absolument comme il est écrit.

*Règle 10.* L'accent tonique se place toujours sur l'avant dernière syllabe.

*Règle 11.* Les mots composés s'obtiennent par la réunion des éléments qui les forment. Le mot fondamental se met toujours à la fin.

*Règle 12.* S'il y a dans la phrase un autre mot de sens négatif, l'adverbe « ne » se supprime.

*Règle 13.* Si le mot marque le lieu où l'on va, on le termine par l'*n* de clarté, à condition qu'il ne soit pas précédé d'une préposition.

*Règle 14.* Chaque préposition possède un sens immuable qui en fixe l'emploi. Si le choix de la préposition ne s'impose pas clairement on fait usage de la préposition *je.*

*Règle 15.* Les mots internationaux ne changent pas en Esperanto; ils en prennent seulement l'orthographe: théâtre=*teatro.*

*Règle 16.* Les terminaisons des substantifs et de l'article peuvent se supprimer et se remplacer par une apostrophe dans certains cas.

# Spraakkundige regels van het Esperanto.

## Alphabet — Uitspraakleer.

A, B, C = ts (tsar), Ĉ = tch (fr. tchèque), D, E (half lang), F, G, Ĝ = dj (adjudant), H, Ĥ = ch, I, J, Ĵ (fr. jour), K, L, M, N. O, P. R, S, Ŝ = (fr. chat), T, U = oe (boer), Ŭ = w, V, Z.

Al de letters behouden steeds hun alphabetischen klank en moeten altijd uitgesproken worden, behoudens de tweeklanken *aŭ en eŭ.*

***

*Regel 1.* Het Esperanto heeft slechts een bepalend lidwoord *la*. Er bestaat geen niet bepalend lidwoord.

*Regel 2.* Het naamwoord gaat uit op *o*. Het meervoud wordt gevormd door bijvoeging van *j*. Het voorwerp wordt aangeduid door de bijvoeging van *n.*

*La patro, la patroj.*

Voorwerp : *La patron, la patrojn.*

*Regel 3.* Het hoedanigheidswoord gaat uit op *a* en volgt de regels van het naamwoord : *patra, patraj ; patran, patrajn.*

*Regel 4.* De grondgetallen zijn onveranderlijk : *unu, du, tri, kvar, kvin, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, mil.* Deze grondgetallen kunnen als naamwoord en als bijwoord gebruikt worden : *trio, sepe.*

*Regel 5.* De persoonlijke voornaamwoorden zijn : *mi* (ik, mij), *ci* (het oude du, dich), *li* (hij, hem), *ŝi* (zij, haar), *ĝi* (het), *si* (zich), *ni* (wij, ons), *vi* (gij, u), *ili* (zij, hem).

*Regel 6.* De uitgangen der werkwoorden zijn ten getale van 12 : Noemvorm *i : fari* = doen ; tegenw. tijd *as : mi faras* = ik doe ; verl. tijd *is : vi faris* = gij deedt, gij hebt gedaan ; toek. tijd *os : ili faros* = zij zullen doen ; voorwaardelijke wijze *us : ŝi farus* = zij zou doen ; gebiedende wijze *u : faru* = doe, doet ; *ni faru* = laat ons doen ; *ili faru* = dat zij doen.

Bedrijvend deelwoord : tegenw. tijd : *ant : faranta*=doende ; verl. tijd *int : farinta* = gedaan hebbende ; toek. tijd *ont : faronta* = zullende doen.

Lijdend deelwoord : tegenw. tijd *at : farata* = gedaan (wordend); verl. tijd *it : farita* = gedaan (zijnde); toek. tijd *ot : farota* = zullende gedaan worden.

Eenig hulpwerkwoord : *esti* = zijn.

*Regel 7.* Het bijwoord is gekenschetst door *e.*

*Regel 8.* Al de voorzetsels vorderen een nominatief.

*Regel 9.* Ieder woord wordt volstrekt uitgesproken zooals het geschreven staat.

*Regel 10.* De klemtoon valt altijd op de voorlaatste lettergreep.

*Regel 11.* De samengestelde woorden worden bekomen door de vereeniging van hunne bestanddeelen. Het grondwoord wordt steeds achteraan geplaatst.

*Regel 12.* Indien in den zin een ander woord met ontkennende beteekenis voorkomt wordt het bijwoord « ne » weggelaten.

*Regel 13.* Indien het woord de plaats aanduidt waarheen men gaat, voegt men er de *n* van duidelijkheid bij, op voorwaarde dat het niet van een voorzetsel voorafgegaan zij.

*Regel 14.* Ieder voorzetsel heeft eene onveranderlijke beteekenis die er het gebruik van vaststelt. Indien de keuze van het voorzetsel niet klaar genoeg bepaald is bedient men zich van het voorzetsel *je.*

*Regel 15.* De internationale woorden veranderen niet in het Esperanto ; zij nemen er slechts de schrijfwijze van aan : theater = *teatro.*

*Regel 16.* De uitgangen van het naamwoord en van het lidwoord kunnen weggelaten en in sommige gevallen door een afkappingsteeken vervangen worden.

20 Octobre 1907. 20a Oktobro 1907. 70a NUMERO. 20n October 1907.

6a JARO, 3a numero.




DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

# PAROLO DE Dro L. L. ZAMENHOF

ĈE LA MALFERMO DE LA

## TRIA UNIVERSALA KONGRESO ESPERANTISTA.

*Karaj Samideanoj!*

Konforme al la ĝisnuna moro, mi komencas mian parolon per tio, ke mi permesas al mi en la nomo de ĉiu kongresanoj esprimi nian saluton kaj dankon al la lando, kiu gastame nin akceptis, kaj precipe al niaj britaj samideanoj, kiuj per multaj laboroj kaj granda zorgemeco pretigis por ni tiun feston, en kiu ni nun ĉiuj partoprenas. De la momento, kiam niaj britaj amikoj invitis nin al si, ni ĉiuj estis konvinkitaj, ke nia kongreso en ilia lando havos apartan signifon kaj estos epokofaranta. Kaj ne estas malfacile antaŭvidi, ke nia espero nin ne trompas, ĉar tion ĉi garantias al ni ne sole la konata energio kaj sindoneco de niaj britaj amikoj, sed ankaŭ la karaktero mem de ilia lando.

La fakto, ke ni kongresas nun en glora universita urbo de Granda Britujo, havas grandan signifon. La kontraŭuloj de nia ideo konstante ripetadis al ni, ke la angle parolantaj popoloj neniam al ni aliĝos, ĉar ne sole ili malpli ol ĉiuj aliaj popoloj sentas la bezonon de lingvo internacia, sed por ili la fortikiĝado de lingvo internacia estas rekte malutila, ĉar tia lingvo konkurados en la mondo antaŭ ĉio kun la lingvo angla, kiu celas fariĝi internacia. Kaj tamen rigardu, kiel forte eraris niaj kontraŭuloj! Rigardu, kiel multope jam aliĝis al ni la Britoj, kiuj tiel nevolonte lernas aliajn lingvojn krom sia nacia; rigardu, kun kia amo ili preparis nian kongreson kaj en kia granda nombro ili aperis, por deziri al ni bonvenon! Tio ĉi montras antaŭ ĉio, ke la homoj komencis jam kompreni, ke lingvo internacia estas utila ne sole por popoloj malfortaj, sed ankaŭ por popoloj fortaj; sed tio ĉi montras ankoraŭ alian aferon, multe pli gravan: ke la homoj vidas en la esperantismo ne sole aferon de egoisma oportuneco, sed gravan ideon de intergenta justeco kaj frateco, kaj al tiu ĉi ideo volas servi la noblaj homoj de *ĉiuj* popoloj, tute egale, ĉu iliaj popoloj estas fortaj aŭ malfortaj, kaj ĉu la intergenta justeco estas por ili profita aŭ malprofita. Ni scias, ke la plimulton de niaj britaj samideanoj alkondukis al ni la interna ideo de la esperantismo, kaj tial ni tiom pli ĝoje esprimas al niaj britaj amikoj nian koran dankon. La Kembriĝanoj akceptas nin hodiaŭ ne kiel komercistojn, kiuj alportas al ili profiton, sed kiel apostolojn de ideo homara, kiun ili komprenas kaj ŝatas; koran dankon al la Kembriĝanoj, koran dankon al la glora Kembriĝa universitato, kiu pruntis al ni siajn ĉambrojn, koran dankon al la Kembriĝa urbestraro, kiu gastame zorgis pri nia bono. Ni kore salutas vin, granda brita popolo, ni plej respekte salutas vian altan reprezentanton, Lian Reĝan Moŝton.

Vivu la reĝ' al vi,
Tre longe vivu Li,
Gardu Lin Di'!

.·.

*Samideanoj!*

En la momento de la malfermo de nia tria kongreso ni ne povas silenti pri la tro multaj amikoj, kiujn la Morto kaptis dum la pasinta jaro; vi ĉiuj memoras, ke tuj post la Ĝeneva kongreso, ni sciiĝis pri la malfeliĉa morto de Dro Lloyd, prezidanto de la Liverpoola Grupo. Ni perdis ankaŭ du eminentajn amikojn de nia afero, la gloran scienculon Berthelot kaj profesoron Michael Foster, kiu esperis nin akcepti en Kembriĝo. Fine, mortis nia plej kara samideano kaj amiko, kiu estis la animo de niaj ĝisnunaj kongresoj, la ĉefa motoro de nia lasta kongreso en Ĝenevo, la fondinto, subteninto kaj inspirinto de nia konstanta kongresa komitato. Vi ĉiuj scias, pri kiu mi parolas. Nia neforgesebla amiko Javal plu ne ekzistas. Al vi, amikoj-esperantistoj de ĉiuj landoj, kaj al vi, niaj estimataj gastoj, kiuj simpatias nian aferon, mi proponas, ke ni honoru la memoron de nia multemerita samideano kaj de ĉiuj mortintaj Esperantistoj per leviĝo de niaj seĝoj.

⁂

*Samideanoj!*

Antaŭ tri semajnoj finiĝis ĝuste dudek jaroj de la tago, kiam aperis publike la unua libro pri la lingvo Esperanto. En ĉiuj partoj de la mondo la Esperantistoj festis tiun tagon. Kiel fondinto de Esperanto, mi ricevis en tiu tago multajn gratulajn telegramojn kaj leterojn. Ĉar mi ne havas kancelarion, sed mi devas mem ĉion plenumi en miaj liberaj horoj, tiel oni facile komprenos, ke respondi ĉiujn ricevitajn esprimojn de amikeco estis por mi afero absolute ne ebla, kaj oni min facile pardonos. Mi uzas nun la bonan okazon, por esprimi mian plej sinceran dankon al ĉiuj, kiuj sendis al mi amikajn bondezirojn. La gratuloj apartenas kompreneble ne al mi persone, sed al la tuta batalantaro esperantista, kaj mi estas nur la centra punkto, en kiu kolektiĝis ĉiuj gratuloj, por resalti de tie al ĉiuj flankoj de la mondo, al ĉiuj lokoj, kie loĝas kaj laboras niaj senlacaj samideanoj. Kvazaŭ silente komisiita de la tuta esperantistaro, mi vokas al ĉiuj esperantistoj-batalantoj : mi vin gratulas ! Mi kore vin gratulas, ke vi pacience eltenis en la daŭro de dudek jaroj, malgraŭ la multaj atakoj kaj malagrablaĵoj, kiuj al neniu el vi mankis. Mi kore vin gratulas pro tiuj rezultatoj, kiujn donis via energia kaj sindona dudek-jara laborado. Dudek jaroj de laborado por la esperantismo! kion tio signifas, — oni komprenos nur iam poste, kiam oni legos la detalan historion de la esperantismo. Kian grandegan gravecon havas niaj ĝisnunaj akiroj, tion oni ankaŭ ĝuste komprenos nur iam poste, kiam oni ekscios detale la historion de niaj unuaj jaroj, kiam la akiro de ĉiu nova Esperantisto estis ligita kun senfina laborado kaj oferado.

Multaj el vi konas la historion de la *lastaj* dek jaroj de la esperantismo, kiam la longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn; sed tre malmultaj el vi konas la historion de la *unuaj* dek jaroj, kiuj konsistis el senfina, ŝajne tute sensukcesa semado. La historio de la esperantismo iam rakontos al vi pri ĉiuj tiamaj semantoj.

Nun nia afero staras forte. La glacia tavolo da antaŭjuĝoj de la mondo estas rompita, kaj nia afero kreskas regule kaj senhalte. Ĉio jaro potence pligrandiĝas niajn fortojn, kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. La naturo, kiu longan tempon batalis *kontraŭ* ni, batalas nun *por* ni, ĉar tiu sama forto de inercio, kiu longan tempon terure malhelpis ĉiun nian paŝon, ĝi mem nun ŝovas nin antaŭen.

Eĉ se ni volus nun halti, ni jam ne povus.

⁂

Mi transiras al la vera temo de mia hodiaŭa parolado. Mi volas paroli al vi hodiaŭ pri la esenco kaj celo de niaj kongresoj. Sed por eviti ĉian malkompreniĝon, mi tuj en la komenco atentigas vin, ke mia parolo ne estas io oficiala, ĝi prezentas simple mian personon opinion, kiun ĉiu el vi povas aprobi aŭ ne aprobi.

Ĉar ni decidis kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo kaj multaj el ni faras eĉ tre grandajn oferojn, por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por *kio* ni kunvenas. Se ni konscios bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si la belan celon, al kiu ili iras; sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili, kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ lacigas kaj enuigas. Por kio do ni kunvenas? ĉu ni kunvenas por paroli pri esperantaj lingvaj demandoj? Ne! tiuj ĉi demandoj apartenas ne al la kongreso, sed ekskluzive al la Lingva Komitato, kaj por ili sufiĉus kongreso de komitatanoj. Ĉu ni kunvenas por ekzerciĝi en esperanta parolado? Por tio sola ni ne bezonas veturi al kongreso, ĉar en niaj hejmaj grupoj ni povas en la daŭro de la tuta jaro multe pli ekzerciĝi, ol en la kelkaj tagoj de la kongreso, kaj por la sola kelktaga ekzerciĝo en parolado neniu entreprenus grandajn vojaĝojn. Ĉu ni kunvenas por fari manifestacion kaj sekve propagandon? Jes, certe! Sed ĉar el cent kongresanoj almenaŭ naŭdek-naŭ havas de Esperanto nur *moralan* profiton, por kio do ni ĝin propagandas? Mi ne dubas, ke la plimulto el vi donos al ni nur unu respondon : ni faras manifestacion kaj propagandon por la esperantismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la esperantismo havas por la tuta *homaro*, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn Esperantistojn, altiris al Esperanto; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas. Kiel la antikvaj hebreoj tri fojojn ĉiujare kunvenadis en Jeruzalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteisma, tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo esperantisma.

*Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj.*

Ĉar la mondo ĉiam komprenis, ke la esperantismo estas forte ligita kun certa interna ideo, kaj tre multaj personoj ne volis lerni kaj uzi Esperanton nur tial, ĉar ili ne volis esti rigardataj kiel partianoj de ia ideo, tial — por ne fortimigi de ni la grandajn amasojn, — ni estis devigitaj klarigi per la Bulonja deklaracio, ke la simpla esperantisteco, t. e. la uzado de la lingvo Esperanto, neniun devigas esti partiano de tiu aŭ alia ideo, ke ĉiu Esperantisto restas homo tute libera kaj unuj Esperantistoj ne respondas por la ideoj de aliaj Esperantistoj. Sed se la simpla praktika *esperantisteco*, t. e. la simpla lernado kaj uzado de Esperanto, neniun devigas aliĝi al ia ideo, tamen neniu povas dubi, ke ĉiujn, aŭ almenaŭ la grandegan plimulton de la personoj, kiuj *batalas* por Esperanto, ligas unu komuna ideo, kiu estas la tuta stimulo de ilia laborado.

Ĉiu *privata* Esperantisto povas havi tiajn konvinkojn aŭ fari tiajn agojn, kiajn li volas, kaj ni ne respondas por liaj konvinkoj nek agoj, kiel li ne respondas por niaj. Li povas esti la plej granda egoisto, genta ŝovinista, malamanto de homoj aŭ eĉ la plej malnobla krimulo, kaj se li nur uzas la lingvon Esperanto, ni ne povas malpermesi al li nomi sin esperantisto. Sed se li volas veni al esperantista *Kongreso*, aŭ se li volas aliĝi al ia alia institucio, kiu portas la verdan standardon, tiam la afero ŝanĝiĝas. Tiam li venas en landon, kiu havas siajn apartajn leĝojn, siajn apartajn morojn kaj principojn.

En Esperantujo regas ne sole la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ la interna *ideo* de la esperantismo; en Esperantujo regas ne sole la oficiala ĝenerala esperantismo, — tie regas ankaŭ io alia, io ĝis nun ankoraŭ ne precize formulita, sed tre bone sentata de ĉiuj esperantujanoj — tie regas la *verda standardo!*

Kio estas la verda standardo? Se por iu komercisto, kiu uzas Esperanton nur por vendi siajn komercaĵojn, aŭ por iu sportisto, kiu uzas Esperanton nur por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo, simpla interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj — ni, Esperantistoj-batalantoj, certe vidas en nia standardo ion alian: ĝi estas por ni io sankta, ĝi estas la signo, sub kiu ni marŝas al nia paca batalado, ĝi estas la voĉo, kiu konstante memorigas al ni, ke ni laboras por Esperanto nur tial, ĉar ni esperas, ke pli aŭ malpli frue, eble post multaj jarcentoj,

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la *internan* vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton *inter* la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita, sed ĉiam klare sentata, estas: « *Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn.* »

Tia, laŭ mia opinio, estas la devizo de la verda standardo, de tiu bela kaj majesta standardo, kiu kunvokas nin ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo en la nomo de la plej bela revo de la homaro.

Por formuli precize ĉiujn detalojn de la dirita devizo, ne venis ankoraŭ la tempo; ili formuliĝos per si mem, iom post iom, per nia ĉiujara kunvenado kaj kunvivado. Mi volis nur atentigi vin, ke niaj kongresoj, farataj sub la signo de la verda standardo, estas ne sole kongresoj de la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ de la interna ideo de la esperantismo. Sekve ĉiu temo, en kiu ni sentas la spiriton de la verda standardo, ĉio kio kondukas al rompado de la muroj inter la gentoj, apartenas al nia kongreso.

Vi ofte aŭdis pri la *neŭtraleco* de niaj kongresoj. Jes, neŭtraleco estas la ĉefa principo de niaj kongresoj; sed oni devas ĝuste kompreni la sencon de tiu ĉi neŭtraleco. Neŭtraleco ekzistas en *ĉiuj* internaciaj kongresoj; sed dum tie la neŭtraleco estas simple afero de *takto*, ĉe ni ĝi estas la ĉefa principo, ĉe ni la neŭtraleco, aŭ pli ĝuste la neŭtraligo de la intergentaj rilatoj estas la tuta enhavo, la tuta celo de niaj laboroj. Tial ni neniam devas paroli en niaj kongresoj pri aferoj speciale politikaj, kiuj apartenas al la diplomatoj, aŭ pri aferoj speciale religiaj, kiuj apartenas al la ekleziuloj kaj filozofoj, — ĉar la verda standardo malpermesas al ni fari ion, kio povas ofendi tiun aŭ alian genton aŭ religian grupon; sed ĉio, kio, neniun ofendante, povas krei pacan *ponton* inter la popoloj, tio ne sole ne devas esti timeme evitata en niaj kongresoj, sed kontraŭe, ĝi devas esti ĝuste la *esenco* de niaj kongresoj, ĉar ĝi apartenas al la verda standardo.

Se ni memoros pri la postuloj de la verda standardo, tiam ni

ne timos plu paroli kaj agi, tiam ni irados al nia celo konscie kaj kuraĝe kaj niaj kongresoj fariĝos kun ĉiu jaro pli interesaj kaj pli gravaj por la mondo. La verda stelo ĉesos esti malkuraĝa signo de silento, ĝi fariĝos signo de laboro.

Ĉio, kio kondukas al rompado de la muroj inter la gentoj, apartenas al nia kongreso. Vastaj kaj grandaj estas la rilatoj inter la gentoj kaj nacioj, kaj vastaj kaj multenombraj estas la temoj, kiujn ni devos pridiskutadi. Tiel ekzemple, havante nenian intencon enmiksi sin en ian specialan sistemon pri tiu aŭ alia temo, oni povas proponi al niaj kongresoj internaciajn sistemojn por la oportuneco kaj neŭtraleco de la rilatoj internaciaj, kiel ekzemple internacian monsistemon, horsistemon, kalendaron, k. t. p., kaj tiam ni povos esplori, ĉu la propono estas bona aŭ ne, sed ni ne devas diri, ke la diskutado pri tiuj projektoj estas kontraŭa al nia programo. Oni eble ankaŭ proponos al ni la aranĝon de kelkaj festoj intergentaj, kiuj ekzistus paralele kun la specialaj festoj de ĉia gento kaj eklezio kaj servus por frate ligi inter si la popolojn; oni proponos ankaŭ aliajn similajn aferojn. Ne venis ankoraŭ la tempo, por paroli pri ĉio detale, tial pardonu min, ke mi nur aludas per kelkaj vortetoj tion, pri kio mi volus multe, tre multe paroli kun vi; sed ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj bagatelaj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuj flankoj de la homa spirito kaj morale, oni proponados al ni diversajn rimedojn, kiuj servas al la fratigado de la homoj kaj al la rompado de la muroj inter la gentoj — kaj ĉion tion ĉi ni povos prijuĝi, akcepti aŭ ne akcepti, sed ni neniam devos ĝin blinde forĵeti antaŭe. Ĉar ĉio, kio servas al la fratigado de la gentoj kaj al la rompado de la malamikaj muroj inter la popoloj — se ĝi nur ne enmiksas sin en la internan vivon de la gentoj — apartenas al la verda standardo.

* *

*Karaj Amikoj!*

Mi klarigis al vi, kio — laŭ mia opinio — devas esti la celado de niaj kongresoj. Dum ĉiu privata Esperantisto povas kontentiĝi per tio, ke li uzas la lingvon Esperanto, niaj kongresoj — laŭ mia opinio — devas labori ne sola por la lingvo, sed ankaŭ por la interna ideo de la esperantismo. Mi ripetas, ke tio ĉi estas mia privata opinio, kiun mi tute ne volas proponi al vi kiel ian oficialan programon por niaj kongresoj. Nia kongreso devas esti simple kongreso de Esperantistoj, kaj kondiĉe ke ĝia programo estu preparita laŭ la kongresa regularo, ĝi devas restî tute libera kaj konformiĝi ĉiufoje al la opinioj kaj deziroj de la plimulto de la kongresanoj. Sed ĉu vi aprobos mian opinion aŭ ne, ĉu vi volos labori laŭ la postuloj de la verda standardo aŭ ne — mi ne dubas, ke en la profundeco de viaj koroj vi ĉiuj *sentas* la verdan standardon, vi ĉiuj sentas, ke ĝi estas io pli, ol simpla signo de lingvo. Kaj ju pli ni partoprenados en niaj ĉiujaraj kongresoj, des pli ni interfratiĝos kaj des pli la principoj de la verda standardo penetros en nian animon. Multaj personoj aliĝas al la esperantismo pro simpla scivoleco, pro sporto, aŭ eble eĉ pro atendata profito; sed de la momento, kiam ili faras la unuan viziton en Esperantujo, ili malgraŭ sia propra volo ĉiam pli kaj pli entiriĝas kaj submetiĝas al la leĝoj de tiu lando. Iom post iom Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistos la plej gravaj meritoj de niaj kongresoj.

Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio vivu la celo kaj la interna ideo de la esperantismo, vivu la frateco de la popoloj, vivu ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj, vivu, kresku kaj floru la verda standardo!

## FESTOJ EN LONDONO.

Tuj post la kongresaj tagoj, la plimulto el la kongresanoj sin direktis al Londono, kie estis aranĝita serio da kunvenoj kaj festoj.

Pri Kembriĝo mi povis prezenti al la legantaro de « La Belga Sonorilo » miajn proprajn impresojn, sed pri Londono mi povas nur ĉerpi el la interesaj raportoj de la revuoj « British Esperantist » kaj « Germana Esperantisto » kaj el interparoloj de kelkaj samideanoj pli feliĉaj ol mi, kiuj trairis Belgujon post la kongreso.

Kvankam la dimanĉo estas en Anglujo tago tute trankvila, eĉ por la fremduloj iom tro trankvila, niaj Londonaj amikoj sukcesis organizi tri kunvenojn dum la dimanĉo 18ª de Aŭgusto. Matene ĉe la preĝejo S^t^ Clement Danes, en la « *Strand* » okazis Diservo plene Esperanta. Predikis pastro Aŭgustus Poynder el Cheltenham, kiu elektis kiel temon la vortojn : « Kiam ili ekvidis la stelon, ili tre ĝojegis», eltiritajn el la Evangelio S. Mateo. Grandnombro da Esperantistoj alestis al tiu prediko kaj plezure rimarkis ke ĉe la predika katedro pendis bele brodita emblemtuko, kun la verda kvinpinta stelo sur blanka kampo.

Posttagmeze D^ro^ kaj Sinjorino Zamenhof, akompanitaj de bela aro de samideanoj estis ricevitaj en la bieno de la bonekonata pentristo S^ro^ Moscheles en Chelsea. La gastama mastro, prezidanto de la Londona Esperantista Klubo kaj lia afabla edzino kore akceptis la gastojn kaj en la laborejo de la artisto, oni baldaŭ aranĝis koncerton kaj improvizan festeton.

Samtempe en Hyde Park, la granda centra parko de Londono, okazis granda kurioza kunveno, celante propagandon inter la popolo de la granda urbo; multaj el la fremduloj parolis inter si, kaj tio produktis tiel fortan impreson, ke niaj Londonaj samideanoj intencas renovigi tiun popolan kunvenon ĉiudimanĉe, laŭ eble.

Vespere la Londona « *Polyglot Club* » akceptis ĉirkaŭ kvar centojn da invititoj al granda vespermanĝo kun koncerto. Ĉar la « *Polyglot Club* » havas la celon diskonatigi multajn fremdajn lingvojn inter siaj anoj, ĝi akceptis Esperanton kiu, tio estas hodiaŭ certa, instigas multe al la lernado de la naciaj lingvoj. Doktoro Zamenhof ĉeestis al tiu vespera festo kiu finigis ĝoje tiun dimanĉan tagon.

Dum la tuta lundo, Londono donacis al la Esperantistaro elektitan veteron, kun pluvo, koto kaj aliaj agrablaĵoj por viziti la monumentojn kaj kuriozaĵojn. Cetere la alilandaj vizitantoj plene komprenis ke ekzistas kelkaj aferoj, kiujn eĉ la anglojn ne povas organizi!

Vespere, je la oka horo, okazis la akcepta kunveno en la urba palaco : *Guildhall*. La graveco de tiu akcepto estas aparte neordinara, ĉar la palaco *Guildhall* estas historia kaj servas, tre malofte por la festoj kaj nur por la ĉefaj okazoj. Estas do por la Esperantistaro, honoro, kiun multaj tre gravaj societoj ambiciis vane. Lia Urbestra Moŝto, ĉefburĝo (*alderman*) Sir T. Vezey Strong ricevis tre kore Doktoron Zamenhof kaj la amason da Esperantistoj kiuj plenigis la historian ĉambregon.

En la komenco de la festo oni kantis la himnon « Espero » kiu, iom post iom, fariĝas kvazaŭ oficiala kanto. Sekvis la akcepta parolado de la prezidanto Sir T. Vezey Strong, longa, elokventa kaj tre interesa en angla lingvo; S^ro^ Bolingbroke Mudie lerte tradukis la paroladon; tiu ĉi kaj ĝia traduko elvokis grandan entuziasmon ĉe la aŭdantaro.

Post la kanto de « Hejmo, dolĉa nom' » kortuŝeme prezentita de S^rino^ Mudie, D^ro^ Zamenhof dankis por la bela akcepto kaj parolis pri la neceso de konsento kaj disciplino inter Esperantistoj por alveni al la

antaŭvidita celo kaj efike batali kontraŭ la malamikoj de internacia helpanta lingvo.

Je la fino de sia parolado, D^ro^ Zamenhof faris deklaracion pri patriotismo, ĉar ofte oni aŭdis ke la esperantistoj estas malbonaj patriotoj. Li diris :

« Kontraŭ tiu ĉi mensoga, malnobla kaj kalumnia kulpigo ni protestas plej energie, ni protestas per ĉiuj fibroj de nia koro ! Dum la pseŭdo-patriotismo, t. e. la genta ŝovinismo, estas parto de tiu komuna malamo, kiu ĉion konstruas, konservas kaj feliĉigas. La esperantismo, kiu predikas amon, kaj la patriotismo, kiu ankaŭ predikas amon, neniam povas esti malamikaj inter si. Vi, nigraj semantoj de malpaco, parolu nur pri malamo al ĉio, kio ne estas via, parolu pri egoismo, sed neniam uzu la vorton « amo » ĉar en via buŝo la sankta vorto « amo » malpuriĝas.

Ho patriotismo, patriotismo, kiam fine la homoj lernos kompreni ĝuste vian sencon! Kiam via sankta nomo ĉesos esti armilo en la manoj de diversaj malhonestuloj! Kiam fine ĉiu homo ricevos la rajton kaj la eblon alglui ĝi per sia tuta koro al tiu peco da tero, kiu lin naskis !

Longe daŭros ankaŭ malluma nokto sur la tero, sed ne eterne ĝi daŭros. Venos iam la tempo, kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ aliaj. Anstataŭ konstante batali inter si, elŝiri la patrujon unuj al la aliaj, perforte altrudi al si reciproke siajn lingvojn kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate, en plena interkonsento ili laboros sur la tero, sur kiu ili vivas, kaj kontraŭ tiuj krudaj fortoj de la naturo, kiuj ilin ĉiujn egale atakas. Kaj kune kaj interkonsente ili celados ĉiuj al unu vero, al unu feliĉo. Kaj se iam venos tiu feliĉa tempo, ĝi estos la frukto de konstanta kaj senlaca laborado de tiuj homoj, kiuj ni vidas nun en ĉi tiu ĉambrego kaj kies nomo, ankoraŭ tre malmulte konata kaj tre malmulte ŝatata estas « esperantistoj ».

Kompreneble tiu elokventa diro, aŭskultita kun la plej granda atento, ricevis oftan aplaŭdon.

S^ro^ G. J. Cox resumis ĝin en angla lingvo. Tuj poste oni aŭdis ankoraŭ du belajn kantojn. « Se ci estus blinda » de amerika kantistino F^ino^ Esther Palliser, kaj la dueton « Feliĉec' revenu » de S^rino^ Guivy kaj S^ro^ S. H. Farnes.

Oni proponis sekve la kutimajn dankesprimojn al la Urbestraro kaj Korporacio de la Urbo, kaj aparte al ĉefburĝo Sir T. Vezey Strong.

Je la fino de la festo la antikvaj muroj de la historia palaco aŭdis kelkajn scenojn de la komedio « Ŝi kliniĝas por venki » *She stoops to Conquer* (Goldsmith) laŭ la traduko de A. Motteau. La aktorojn oni elektis el landoj, kie oni parolas malsamajn lingvojn. La diversajn rolojn prenis sur si Fraŭlinoj Grant (angla), Bojajian (armenia) kaj Lassoe (dana), Sinjorino Rosa Junck (itala), Sinjoroj Karl Zacherl (bavara), Auerbach (aŭstria), Blangarin (franca), Hengst (holanda), Krukowski (pola) kaj Aligret (hispana).

La Londonanoj konvinkiĝis ke la lingvo estas flue parolebla kaj mirinde facila por ĉiuj. La festo finiĝis, laŭ angla kutimo, per kanto de la nacia himno, en Esperanto : « Vivu la reĝ' al ni ».

Dum la mardo 20^a^ de Aŭgusto, de la 8^a^ ĝis la 12^a^ vespere, okàzis en *King's Hall*, *Holborn*, granda balo kaj koncerto aranĝitaj de la Brita Esperantista Asocio kaj Londona Esperantista Klubo por festi la alilandajn amikojn. Tiu festo tre bone sukcesis kaj faris certan impreson ĉe la neesperantistoj, kiuj ĉeestis : ni vidis en grava angla ilustrita ĵurnalo « *The Graphic* » plenan paĝon kun skizaj desegnoj rilate al tiu vespera akcepto. D^ro^ kaj Sinjorino Zamenhof ĉeestis, faris paroladetojn kaj adiaŭe diris « ĝis la revido en Germanlando ».

———

Ĉirkaŭ 75 kongresanoj faris « luksan » ekskurson al *Kimrujo* gviditaj de la senlaca triano Hobomo. Ili vizitis *Oxford*, la fratan urbon de Kembriĝo, la agrablan urbeton *Leamington*, urbeton *Stratford on Avon* faman pro naskiĝo de *Shakespeare* (Ŝekspir), la kastelon *Warwich*, urbon Chester, kaj la elegantan marbanurbon *Llandudn*. En la vizititaj urboj, la verda kvinpinta steleto vekis atenton kuriozan ĉie, kie ĝi aperis.

———

Ĉirkaŭ 60 aliaj kongresanoj veturis pli malproksimem, tiel « lukse » en la belega Skotlando. La vojaĝo estis tre agrabla kaj la skotaj esperantistoj akceptis tre amike siajn fremdajn samideanojn. En Edinburgo ili disdonis erikajn bukedojn kun skotkoloraj bantoj.

Merkrede vespere, la urbestro de Edinburgo, lia edzino kaj granda parto de la urba konsilantaro, solene akceptis 350 esperantistoj el la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, kaj ankaŭ la ekskursanojn. En apuda salono granda bufedo montris siajn manĝajn kaj trinkajn riĉaĵojn ; en alia salono oni prezentis koncerton de milita muzika bando. Je la noma de la fremduloj, S^ro^ Gottschall (aŭstria), de Menil (franca) kaj Borel (germana) kore dankis la gastamajn akceptantoj kaj gratulis niajn amikojn el Edinburgo pro la bela stato de nia afero en la regiono.

Ankaŭ en Glasgow la grupo de ekskursanoj ricevis koran akcepton ĉe la tieaj samideanoj ; en hotelo ĉe la vespermanĝo, aperis la urbestro, kiu kore salutis la vojaĝantojn. Ni ne parolas pri la ekskurso mem, nur tiu, kiu vizitis Skotlando povas priskribi la ĉarmojn kaj la grandiozecon de la monta lando.

Vendrede la verda standardo, flirtis ĉe la antaŭa flagstango de bela vaporŝipo, naĝanta sur la ondoj de la golfo de Clyde. Kiam la ekskursanoj disiĝis, granda krio « ĝis la revido » ŝiris la aeron ; kiel ili ni tion krias al la simpatiaj amikoj de ĉiuj landoj, kiujn ni renkontis dum tiuj neforgeseblaj tagoj de la Tria Kongreso.

Jos. Jamin.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La printempo baldaŭ komencos en Meksiklando, oni anoncas aperon de la novaj folioj kaj inter ili la esperanta ĵurnalo : « Verda Stelo » kiu havas kiel devizon : Homaro kaj Patrujo. Se la titolo ne estas tre nova, la devizo celas vastan kampon. Tiu ĵurnalo anoncas ke ĝi estas organo de Centra Meksika Esperantista Societo.

Ni ricevis ankaŭ novan ĵurnalon : La Saksa Esperantisto nº 4, ni ne scias ĉu la ĵurnalo vere defendas nian kaŭzon, ĉar ni ne povis ĝin legi. La teksto estas nur en germana lingvo, kaj nur la titolo estas en Esperanto.

Ĉe la ekspozicio pri stenografiaj laboroj, kiu akompanis la trioblan kongreson de internacia kaj intersistema stenografio en Szeged (Hungarlando) Esperanto havis tre bonan reprezenton. Sinjoro Schenneberger kaj nia belga samideano L. Cogen el Gand tie ricevis bronzajn medalojn, ambaŭ por liaj esperantaj verkoj. Sistemoj Groote, Gabelsberger, Pitman kaj Cristoffel konkuris por la prezento de Esperanto.

Inter la revuoj naciaj, kiuj regule raportas pri Esperanta agado kaj enpresigas artikolojn skribitajn per Esperanto, ni devas citi la germanan revuon « Mondo » kiu sendis al ni interesan numeron kaj anoncas ke ĝi aliĝis al la « Delegacio » kiel Internacia Revuo.

Dum la 14ª de Oktobro okazis en Parizo la unua kunveno de la komitato elektita el la Delegacio por elekto de Internacia Helpanta Lingvo.

Sro Lepaige, el Lieĝo, delegito belga ne povis alesti al tiu kunveno, Sro Monseur, profesoro el Bruselo, anstataŭigis lin.

Ĵus aperis nova internacia lingvo, dekiu patro estas Sº Raoul de la Grasserie kaj nomo « L'apolema » aŭ Internacia pacifista lingvo.

Ĝis nun, ni ricevis nur la prospekton, kiu sciigas al ni ke Esperanto estas facila por la popoloj de latina deveno, sed estas « fermita » *(lettre close)* por la germanaj kaj slavaj popoloj! Kompreneble la aŭtoro solvis tiun malfacilan problemon!!

La aŭtoro diras ankaŭ ke Esperanto kaj Neutral estas franca maskita lingvo (*du français déguisé*); ni parolos pri lia elpensaĵo, post kiam ni estos leginta la anoncitan volumon.

La Brazila Kongreso de Esperanto kiu okazis en Rio de Janeiro dum la pasinta julia monato ricevis grandan honoron, kiu certe apogos potence la progresojn de nia lingvo en la suda Amerika hemisfero. Lia Moŝto Dro Tavares de Lyra, Ministro de la Internaj aferoj kaj de la Instruado, persone ĉeestis kaj prezidis la kongreson. Sro Miguel Calmon, ministro de l' Publikaj Laboroj kaj la Kardinalo Arcoverde havis reprezentantojn, delegitajn al tiu kongreso.

Dro Tavares de Lyra malfermis la ekspozicion de Esperantaj dokumentoj kaj detale ekzamenis la interesplenajn montrajojn.

Poste, oni fondis la Brazilan Ligon Esperantistan.

De nun oni povas enskribiĝi por la venonta kongreso, ni admonas niajn gelegantojn ke ili tuj skribu sian intencon al la sekvanto adreso, tre klare, eĉ aldonante ŝtampan adreson al:

Oficejo de la Germana Esperantista Societo, Marktstrasse, 68, Altona (Elbe) Germanlando.

La sekcio industria kaj komerca de l'Esperantista Grupo Pariza starigis en tuta Franclando vastan organizadon de letertradukado. Oni povas ricevi detalojn pri tio sin turnante al la sekcio, de kiu la aparta adreso estas : Esperanto, 21, rue de l'Arbre-Sec, Paris.

---

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — La saison des vacances est finie ! Les espérantistes bruxellois sont presque tous rentrés, aussi les réunions ordinaires du *Pioniro* deviennent chaque mercredi de plus en plus nombreuses. Les membres du groupe ont eu le plaisir de recevoir dans leur local, le 2 octobre, deux espérantistes anglais, les frères Dudeney de Bedford et, le mercredi suivant, M. Al. Sakarov, d'Ardetov (Russie, gouvernement de Simbirsk) qui prit part au Congrès de Cambridge et qui se trouve maintenant sur le chemin du retour.

Le 8 octobre, eut lieu à l'hôtel Ravenstein l'ouverture solennelle des cours de langues organisés par le Cercle Polyglotte. Chaque professeur fit comme d'habitude une allocution au sujet de la langue qu'il enseigne. M. L. Blanjean, le professeur bien connu d'Esperanto, parla du dernier Congrès et saisit cette occasion pour donner lecture du texte remarquable de la note écrite par le général Leman, commandant

**Bruselo.** — Jen finita la libertempa sezono ! La bruselaj esperantistoj estas preskaŭ ĉiuj revenintaj, tial la ordinara kunveno de la *Pioniro* fariĝas ĉiumerkrede pli kaj pli multnombra. La grupanoj havis la plezuron akcepti en sia sidejo la 2an de oktobro du anglajn samideanojn, nome Soj Dudeney el Bedford, kaj la sekvantan merkredon, Sº Al. Sakarov el Ardetov (Rusujo, Simbirskaja gubernio), kiu partoprenis la Kembriĝan Kongreson kaj estas nuntempe reveturanta hejmen.

La 8an de oktobro okazis en Hotelo Ravenstein la solena malfermo de la lingvaj kursoj organizataj de Poliglota Klubo. Ĉiu profesoro faris laŭkutime paroladeton pri la lingvo, kiun li instruas. Sro Luc. Blanjean, la bonekonata profesoro de Esperanto, faris raporton pri la lasta kongreso, kaj uzis tiun okazon por legi la rimarkindan tekston de la noto skribita de generalo Leman, komandanto de la

de l' Ecole militaire de Belgique, texte qui a été publié dans notre dernier numéro. L'orateur recueillit un grand succès.

A Bruxelles et dans les environs, la propagande devient chaque jour plus intense. Des affiches vertes partout placardées annoncent l'ouverture du cours donné à l'Université Libre.

D'autre part différents journaux font connaître que des cours sont en voie d'organisation à Anderlecht, à Laeken, à Ixelles, à St Gilles et dans le quartier du Nord-Est.

Bref, tout le monde travaille, soit en groupe, soit individuellement comme, par exemple, le commandant Lefèvre, professeur à l'Ecole militaire, un des membres les plus influents du Pioniro, qui se livre à une propagande spéciale auprès du corps professoral et auprès les grandes administrations.

A toute cette propagande active, nous souhaitons plein succès !

La Fédération post-scolaire de St-Gilles organise deux cours dans cette laborieuse commune.

Le cours dirigé par Mademoiselle Lecointe a déjà recommencé depuis le 16 Octobre, il a lieu tous les mercredi à 4 1/2 heures.

Le cours gratuit de Monsieur Verbanck aura lieu tous les samedis à 8 heures à partir des premiers jours de novembre ; après le cours, à 9 heures, le même jour, le groupe « Antaŭen » se réunira.

Le journal officiel (Moniteur) nous apporte une bonne nouvelle : le sympathique frère Isidore Clé, de l'Institut Royal pour Aveugles de Woluwe a reçu la médaille civique de première classe pour les services rendus en qualité de sous-directeur de l'Institut. Nous lui adressons nos cordiales félicitations.

Beaucoup de journaux ont parlé du Congrès de Cambridge et ont inséré des articles favorables à l'Esperanto. Citons presque tous les journaux anversois, *L'Etoile Belge*, *La Dernière Heure* qui a donné un interview de Mr Jos. Jamin, *La Gazette de Charleroi*, *La Belgique militaire* etc.

**Huy.** — Le cours organisé par le groupe local commencera le 18 octobre au local de l'Ecole Industrielle, à 7 1/2 heures du soir.

Prix du cours : 2.50 francs.

S'adresser à Melle M. Bisqueret ou chez Mr Tilmont, 74, rue Entre-deux-Portes, Huy.

**Berchem.** — De leergangen van Esperanto, ingericht door de zorgen van de groep, zullen gegeven worden als volgt : 1o De Fransche cursus te beginnen van Woensdag 16 October, ten 8 1/2 ure 's avonds, in het « Café des Arts », tegenover de statie van Berchem ; 2o De Vlaamsche cursus voor de « Berchemsche Verplegersvereeniging van het Rood Kruis » te beginnen van Dinsdag 22 October, ten 8 1/2 ure 's avonds, in het lokaal van de groep, « Café Limburgia, » Beernaertstraat, 26, Berchem.

**St-Trond.** — Le groupe a reçu du jury supérieur de l'exposition locale, un diplôme spécial d'honneur pour le pavillon de l'Esperanto, érigé dans les jardins de cette exposition.

Nos cordiales félicitations à nos zélés partisans !

militlernejo de Belgujo, teksto kiu estas presita en nia lasta numero. La parolinto rikoltis grandan sukceson.

En Bruselo kaj ĉirkaŭaĵo, la propagando pligrandiĝas ĉiutage. Verdaj afiŝoj ĉie algluitaj anoncas la malfermon de la Kurso en la Libera Universitato.

Aliparte diversaj ĵurnaloj sciigas ke kursoj estos baldaŭ organizitaj en Anderlecht, Laeken, Ixelles, St-Gilles kaj en la Nord-orienta urba kvartalo.

Resume ĉiuj klopodas, ĉu grupe, ĉu aparte, kiel ekzemple komandanto Lefèvre, profesoro ĉe la militlernejo, unu el la plej influaj membroj de l' grupo, kiu propagandas speciale ĉe la profesoraro kaj ĉe ĉefaj administracioj.

Al tiu fervora propagando, ni deziras plenan sukceson!

*Aprido.*

La Post-lerneja Federacio de Sa-Gilles aranĝas du kursojn en tiu laborema komunumo.

La kurso direktita de Fraŭlino Lecointe jam rekomencis de la 16a Oktobre, ĝi okazos ĉiumerkrede je la 4 1/2 horo.

La senpaga kurso de Sro Verbanck okazos ĉiusabate je la 8a horo vespere, de la unuaj tagoj de Novembro ; post la kurso, je la 9a horo, ĉiusamtage, kunvenos la grupo « Antaŭen ».

La oficiala ĵurnalo (*Moniteur*) alportas al ni bonan novaĵon : la simpatia frato Izidoro Clé de la Reĝa Instituto por Blinduloj de Woluwe ricevis la civikan medalon de unua klaso, pro la servoj, kiujn li faris kiel sub-direktoro de la Instituto. Ni adresas al li niajn tutkorajn gratulojn.

Multo da ĵurnaloj raportis pri la Kongreso de Kembriĝo, kaj enlokigis favorajn artikolojn pri Esperanto. Ni citu preskaŭ ĉiujn antverpenajn ĵurnalojn, *L'Etoile Belge*, *La Dernière Heure* kiu prezentis intervjuon de Sro Jamin, *La Gazette de Charleroi*, *La Belgique militaire*, k. c.

**Huy.** — La kurso organizita de la tiea grupo komencos de la 18 Oktobro en la loko de la Industria Lernejo je la 7 1/2 horo vespere.

Prezo de la kurso : 2.50 frankoj.

Sin turni al Fraŭlino M. Bisqueret, instruistino, rue Sous-le-Château, 16, Huy.

**Berchem.** — La kursoj organizitaj de la Berchema Grupo Esperantista okazos :

1e la franca kurso, ĉiumerkrede, je la 8 1/2 horo vespere, en loko « Café des Arts » apud la staciadomo de Berchem.

2e la flandra kurso, ĉiumarde, je la 8 1/2 horo vespere, en la loko de la grupo, « Café Limburgia » 26, strato Beernaert sub aŭspicioj de la Berchema komitato de la Ruĝa Kruco.

**St. Trond.** — La grupo ricevis, kiel rekompencon de la supera juĝantaro de la tiea ekspozicio, honoran diplomon specialan, por la Esperanta Paviljono (dometo) konstruita en la ĝardenoj de tiu ekspozicio. Niajn tutkorajn gratulojn al niaj agemaj samideanoj!

**Spa.** — Les réunions et cours d'Esperanto, organisé par le « Cercle d'étude de langues » recommenceront dès le 22 Octobre.

**Anvers.** — La Verda Stelo, qui compte environ 200 membres, organise deux cours à l'Ecole Communale rue du Grand Chien, local mis à la disposition du groupe par l'administration Communale d'Anvers.

Le cours, donné en flamand, aura lieu tous les jeudis de 8 1/2 à 10 heures.

Le cours en langue française se donnera tous les mardis aux mêmes heures; la réunion intime est fixée au samedi à 9 heures au local du groupe, café Zomerhof.

M. Frans Swagers conférenciera à la Verda Stelo le jeudi 31 Octobre.

M. Th. Cart, de Paris, donnera une conférence à l'ouverture des cours de l'Antverpena Grupo Esperantista, le samedi 26 Octobre.

**Spa.** — La kunvenoj kaj kurso de Esperanto organizitaj de la « Cercle d'étude de langues » rekomencos de la 22a de Oktobro.

**Antverpeno.** — La Verda Stelo, kiu enhavas ĉirkaŭ 200 membrojn, organizas du kursojn ĉe la Komunuma Lernejo, rue du Grand Chien, loko pruntita de la Komunuma administracio de Antverpeno.

La kurso, per flandra lingvo, okazos ĉiujaŭde, de la 8 1/2 ĝis la 10 horo vespere.

La kurso, per franca lingvo, okazos ĉiumarde, dum la samaj horoj. Intima kunveno okazos ĉiusabate je la 9a horo en la grupa loko: Café Zomerhof, 32 place de l'Aurore.

Sro Frans Swagers parolados ĉe la Verda Stelo dum la 31a de Oktobro.

Sro Th. Cart, el Parizo, parolados okaze de la malfermo de la kursoj ĉe la Antverpena Grupo Esperantista dum la Sabato 26a de Oktobro.

---

## Tion ĉiu faru!

Ofte ni esprimis la deziron ricevi la interesajn sciigojn de niaj gelegantoj, kaj malofte ni ricevis ion. Tamen, por la komuna sukceso kaj por argumenti nian konstantan propagandon, estas nepre necesa ke niaj amikoj disvastigu la okazintaĵojn, kiuj povas potence helpi la defendon de nia kaŭzo inter la skeptikuloj, kiuj estas ankoraŭ multa kvanto. Hodiaŭ ni havas la plezuron reprodukti, tutplene, leteron de unu gracia antverpena samideanino: ni ŝin dankas tutkore, povu la ekzemplo trovi kelkajn imitantojn!

Antverpeno, je la 24a de Septo 1907.

ESTIMATA SINJORO,

Mi havas la honoron sciigi al vi, ke dum mia lasta restado en Leipzig, mi ĉeestis al Esperantista kunveno, kiu okazis la lundon 16an de Septembro, vespere je la naŭa, en la festsalono de la Kasino de Rosental. La paroliuto, So profo Schaŭerhammer, raportis pri la Kembriĝ'a Kongreso. Kvankam mi legis jam la raportojn de « Amatus » en la Antverpena ĵurnalo « Le Matin », kaj ĉeestis en la « Taverne Royale » al la interesplena parolado de la sama « Amatus », pri la Tria Kongreso, estis reala ĝojo por mi, asocii min per la koro al la germana movado esperantista, kaj ĉeesti al ia klopodoj de niaj germanaj samideanoj. Profo Schaŭerhammer rakontis entuziasme la samajn faktojn, kiujn raportis la Belga Sonorilo en sia Septembra numero. Aliaj eminentaj profesoroj, So Büschel, prezidanto de la « Leipziger Esperantisten-Gesellschaft Leibniz », Soj Liesch kaj Blachstem, faris ankaŭ interesplenajn paroladetojn. So Liesch konigis al la aŭdintaro la afableco per kiu la Kembriĝ'aj kongresanoj invitis la germanajn esperantistoj organizi la kvaran kongreson en Germanlando, por la prospero mem de la kaŭzo esperanta, kaj li montris al la ĉeestintoj la malfacilan taskon inde organizi tiun kongreson, kaj la nepran neceson de unueco en la diversaj klopodoj. Tial li petis ĉiun Esperantiston de ia grupo aliĝi samtempe al la « Deutsche Esperantisten-Gesellschaft ». Antaŭ ĉiu aŭdinto troviĝis karto por subskribi lian partoprenon al la ĵus komencontaj esperantaj kursoj.

Post la kunveno mi iris al la prezidanto, So Büschel, kaj petis lin, esperante, akcepti la Antverpenan poŝtkartan propagandileton, kiun eble li ne ankoraŭ posedis. Mia intenco estis, doni al li ideon de iu nova propagandilo, kiu povus helpi al la disvastigo de Esperanto en Germanujo, kaj, sekve, al la ĝenerala kreskado de nia kara afero.

La celo de mia letero, estimata Sinjoro, estas ke eble vi povus resumi la Leipzig'an kunvenon en la Belga Sonorilo, sub la rubriko: Kelkliniaj novaĵoj. Mi estus tre feliĉa alporti tiamaniere tre humilan parton, tre malgrandan ŝtoneton, al la potenca monumento de la kaŭzo esperanta.

Kun profunda respekto, mi salutas vin.

MARIA POSENAER.

## Literaturaj Verkoj.

### LA FARAONO, de B. PRUS,

el la pola lingvo

tradukis Dro Kazimierz Bein.

De kelkaj tagoj, ni ricevis la unuan volumon de la bela verko de B. Prus, tradukita de doktoro K. Bein (Kabe) kaj ni devas konfesi, ke ni ricevis de tiu libro, ĝuon, kiu de longatempe ni ne plu trovis en la Esperanta literaturo.

La temo mem de la rakonto estas plene interesa kaj disvolvas por la leganto, la vivon kaj morojn de la Egiptanoj, je la tempo de la faraono Ramzes XII, dum la plenaĝo de la Kronprinco, lia filo.

La pola verko havas certe grandan literaturan valoron, kaj ni ĝin retrovas en la lerta traduko de Kabe.

Estas do libro, kiun ni povas rekomendi, la stilo estas simpla kaj pura, ni citos ĝin kiel tre bonan ekzemplon; ĝi konsolis nin pro la kvanto da senvaloraj verkoj, kiuj glitiĝis sen protesto, ĉe nia literatura dum la ĵus pasintaj monatoj. Kun la alia traduko « La fundo de l' mizero », La Faraono montras al ni kian belan rezultaton oni povas ricevi, kiam oni komprenas la simplecon de Esperanto.

Dro K. Bein uzas multon da novaj vortoj kaj novajn frazturnojn tre bone elektitajn. La plimulton el la novaj vortaj oni facile komprenas; tamen estus dezirinda ke la leganto ricevu kelkajn klarigojn pri uzo de la specialaj nomoj, de kiuj la devenon li ne povas eĉ diveni, ekzemple: kuŝera, uteno, mumo, fakelo, oponi, invadi, nomeso, nomarko (ne monarko) ortilo, togo, k. c.

Inter la frazturnoj, ni plezure vidis ke la verkisto uzis la formojn:

« Oni kalkulis tie kelkcenton da domoj kaj dekkelkon da miloj da loĝantoj ». (P. 137).

« Kelkcenton da paŝoj antaŭ la vic-reĝo... » (P. 154).

Unuvorte libro leginda; kaj ni senpacience atendas la duan volumon.

MOZANO.

## NEKROLOGIO.

La Poliglota Klubo de Bruselo ĵus perdis sian vicprezidanton, Sron Edouard Belleroche, kiu mortis dum la 6a Oktobro. Ĉiuj, kiuj konatiĝis kun li konservos la memoron de tiu estimata homo, kiu faris al la Klubo, eminentajn servojn.

Sro Belleroche ĉiam helpis la Esperantistan sekcion de la Klubo kaj sin interesis al ĝia agado; tial la esperantistoj salutas kortuŝe la malaperinton.

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe Esperanto Verlag Möller & Borel,*
*Berlin S. 42.*

**Ĉu unu lingvo internacia aŭ tri?**
Respondo al Sro Prof. Diels, de Prof. Louis Couturat, Paris. Esperanta traduko de artikolo publikigita en «*Deutsche Revue*».
. . . . . . . . . . . . . . . 20 pf. spesm. 0.10

**Solvo de la problemo de lingvo internacia.**
Kun germana traduko de Prof. Christaller.
. . . . . . , . , . . . . . . M. 0.50 spesm. 0.25

**Esperanta-Germana frazlibro de la ĉiutaga vivo.**
Laŭ R. Anton, prilaboris J. Borel.
. . . . . . . . . . . . . . . M. 0.50 spesm. 0;25

**Taschenwörterbuch**, Deutsch-Esperanto und Esperanto-Deutsch, redigiert von Dr L. L. Zamenhof.
. . . . . . . . . . . . . . . M. 1.00 spesm. 0.50

*Ĉe Librairie de l' Esperanto,*
*15, rue Montmartre, Paris.*

**Solo de fluto**, de Paul Bilhaud, tradukita de Fernand Doré.
. . . . . . . . . . . . . . . fr. 0.60 spesm. 0.24

**Kial ili estas famaj???** de Georges Feydeau, tradukita kaj plilongita de Fernand Doré.
. . . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50 spesm. 0.20

**Pri la elparolado de Esperanto**, de Sro Gaston Moch.
. . . . . . . . . . . . . . . fr. 1.00 spesm. 0.40

*Ĉe A.-J. Witteryck,*
*4, Nouvelle Promenade, Bruges.*

**Kelkaj floroj esperantaj,** agrablaj legaĵoj kun multaj ilustraĵoj, de A.-J. Witteryck.
Serio 1a, numero 4a.
Ĉiu numero en Belgujo: fr. 0.20 spesm. 0.08
En eksteraj landoj: fr. 0.25 spesm. 0.10

*Ĉe Rafael Duyos,*
*Buenavista, 21, Valencia.*

**Edziĝo malaranĝita** aŭ **Terura nekompreniĝo,** teda dialogo de Vicente Inglada
. . . . . . . . . . . . . . . fr. 0,50 spesm. 0,20

*Ĉe Librairie Universelle,*
*33, rue de Provence, Paris,*

**L'Universelle**, roman par Emile Cherblanc.
L'auteur a introduit dans son roman divers épisodes de l'action espérantiste à l'époque du Congrès de Boulogne, épisodes très fidèlement rapportés par un témoin oculaire; ce livre se recommande donc de lui-même pour la propagande.

Signalons un autre volume édité par la même *Librairie Universelle.*

**Le Docteur Méphisto.** par Paul Segonzac.
Chacun des ouvrages . . . . . . . fr. 3.50 spesm. 1.40

### MUZIKO.

*Ĉe Karl Rothe,*
*Leipzig, Koenigstr., 6.*

**La Espero**, esperanta himno. (L. L. Zamedhof). Muziko de Woldemar Zaks.
. . . . . . . . . . . . . . . M. 1.00 spesm. 0.50

## SOLVOJ.

**PROBLEMO 44a** —
K A N A R I O
A R A B I O
N A C I O
A B I O
R I O
I O
O

**PROBLEMO 45a** — XC. C.

**PROBLEMO 46a** — ok - ul - vi - tro - j.

**PROBLEMO 47a** — Nekonata litero: R.
Glori — erpi — nordo — eltrovo — vinbero — armi — kero — orda — nigraj — grafo — rilato — erpi — serĉo — ostra.
G E N E V A K O N G R E S O

**PROBLEMO 48a** — Anstataŭigante S per Ŝ, ĉar tiam la muso fariĝus muŝo.

**DIVENIS.** — Finoj *Bilmeyer* kaj *Liganino* Soj *Mathys*, *Sentimulo*, *Flandro*, *Clossel*, *Tedulo* kaj *Lieĝano*, *ĉiujn.*

Nomaron de l' premiuloj ni donos en venonta no pri la lasta serio da problemoj.

## PROBLEMOJ.

**PROBLEMO 1a** (de *So Cassiers*) La nomon de laborema insekto vi trovos, kunmetante 1) tion kion, oni krias por iun malapudigi 2) la titolon, kiun iu ajn riĉulo aŭ malriĉulo donas nur al si mem; 3) duonon de birdo de kiu kanton dormemuloj malamas.

**PROBLEMO 2a** (de *So Cassiers*) — Vortoj kvadrate metotaj — Dum ia somera posttagmezo mi trapromenadis kverkan...... ? [mian 4an] ombraĵdonan kaj..... [mian 3an] belan; mi estis forgesinta mian promenbastonon kaj intencis ĝin anstataŭigi per branĉo el apudkreskanta arbetaĵo sed mi ne sukcesis ĝin detranĉi.—.... [mia 2a], vi demandas? — Nu, tial ke mia tranĉilo estis sufiĉe..... [mia 1a].

**PROBLEMO 3a** (de *Plantano*) Kia masona konstruaĵo povas fariĝi brueto, kaj kiamaniere?

**PROBLEMO 4a** R F a

**PROBLEMO 5a** DI VI

**PROBLEMO 6a** (de *Plantano*) Mi estus ricevata de vi, se oni frapus vin. Kvarfoje ŝanĝu unu — ĉiam en sama loko — el miaj literoj, vi trovos vortojn signifantajn: dancaro — trempo — malhelpaĵo — malalta voĉo.

**PROBLEMO 7a** Kun K kaj D, ĝi estas floramaso; kun T kaj R, grasaĵo. Trovu ambaŭ vortojn.

Oni sendu la solvojn al la Direkcio 53, rue de Ten Bosch en Bruselo, antaŭ la fino de Novembro.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* Hachette & C[ie].

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. de Beaufront. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par Th. Cart et M. Pagnier . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. de Beaufront. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par Th. Cart, M. Merckens et P. Berthelot . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. de Beaufront . . . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le Comm[t] Matton . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

---

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door Dreves Uitterdijck, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . . fr. 0.60
Verzendingskosten daarboven.

---

## *Publications Espérantistes belges.*

Esperantaj Belgaj Presajoj

Ĉe : A. J. Witteryck, 4, N[lle] Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.60
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de D[ro] Maurice Seynaeve kaj D[ro] Raym. Van Melckebeke . . 1.50 (60 Sd.)
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de S[rino] Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . . 1.00 (40 Sd.)
**Tra Mez-Afriko**, de K[to] Ch. Lemaire. . 2.50 (1 Sm.)
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 4 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . aparte 0.20 (8 Sd.)
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le L[t] Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : S[ro] E. Mathys.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. Dubois.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par « L'Instituteur Belge » . . . . . . . 0.65

Ĉe : W[e] Demarteau-Thys & Zoon.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe Van Hille-De Backer.
Zirkstraat, 35, Antwerpen

**La ĉiutaga Vivo**, de S[roj] Swagers kaj Finet fr. 1.00, (40 Sd.)

---

**Aldonu la koston de la sendo.**

Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend.

---

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1[er] JANVIER 1907.*

| | | |
|---|---|---|
| PRIX : | Un exemplaire franco . . | 0.10 fr. |
| | 10 exemplaires . . . . | 1.00 » |
| | 20 » . . . . | 1.50 » |
| | 50 » . . . . | 3.50 » |
| | 100 » . . . . | 6.50 » |

Specimen gratuit
S'adresser par écrit, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : D^ro^ Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro**, Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : S^ro^ Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles
Sekretario : S^ro^ Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.
Sidejo : La Louve, 5, Grand'place, Bruxelles.

**Esperantista Societo**, en Verviers. Prezidanto : S^ro^ Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 20, place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista**, en Huy. Prezidanto : S^ro^ Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liera Grupo Esperantista.** Prezidanto : S^ro^ Mengal, kapitano komandanto, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : S^ro^ A-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto**, Grupo en Laeken. Prezidanto : S^ro^ H. Calais, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista**, en Duffel. Prezidanto : D^ro^ L. Jacobs, Duffel.

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste**, du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Prezidantino : Fraŭlino A. Greiner, 15, Avenue Brugmann, Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : S^ro^ E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : S^ro^ Ansiaux, 29, rue S^t^ Gilles, Liége.

**Esperantista Lovena Grupo**, en Louvain. Prezidanto : S^ro^ Advokato Edm. Van Dieren, S^te^ Barbarastraat, 14, Louvain.

**Grupo de la garnizono**, en Namur. Prezidanto : S^o^ Bisman, Kapitano de la 13^a^ linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : S^ro^ prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café Limburgia, rue Beernaert, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : S^ro^ Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Espero**, Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : S^ro^ F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Provizora Sekretario : S^ro^ G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines, Gand, Andenne, Antoing, Renaix, Spa, Gembloux, Nivelles, Seilles, S^t^ Trond, k. c.


### ANNONCES COMMERCIALES DE « LA BELGA SONORILO »

Commerçants!

Nulle publicité n'est plus avantageuse, plus profitable, mieux estimée que celle des journaux espérantistes, qui sont lus, conservés ou échangés par des milliers d'adeptes.

Sauf avis contraire, les annonces seront rédigées en Esperanto.

*PRIX DES ANNONCES POUR UN AN:*

| 1 page | 1/2 page | 1/4 page | 1/8 page | 1/16 page |
|---|---|---|---|---|
| 140 frs. | 80 frs. | 50 frs. | 30 frs. | 18 frs. |

Conditions spéciales suivant convention.
S'adresser

### HANDELSAANKONDIGINGEN DER « BELGA SONORILO »

Kooplieden !

Geene publiciteit is degelijker en voordeeliger, geene is meer gewaardeerd dan die der Esperantische bladen, die gelezen, bewaard en geruild worden door duizenden aanhangers.

Behoudens tegenovergesteld verlangen, worden de aankondigingen in Esperanto opgesteld.

*PRIJZEN DER AANKONDIGINGEN PER JAAR:*

| 1 bladz. | 1/2 bladz. | 1/4 bladz. | 1/8 bladz. | 1/16 bladz. |
|---|---|---|---|---|
| 140 fr. | 80 fr. | 50 fr. | 30 fr. | 18 fr. |

Bijzondere voorwaarden volgens overeenkomst.
Men wende zich

53, rue de Ten Bosch,
Bruxelles.

ĴUS APERIS :

**TEORIA KAJ PRAKTIKA KURSO DE STENO-METAGRAFIO**

de **L. VAN DEN BOSCH & A. CAMBY.**

**2a Eldono, en franca lingvo.**

Lernolibro la plej utila por la lernado de la stenografio, la plej taŭga gvidilo por la profesoroj, la kursolibro la plej ŝatita por la lernantoj.

Unu volumo in 8o, 130 paĝoj, bindo en angla tolaĵo.

Kosto : fr. 1.50. Poŝte : Belglando fr. 1.60.

Poŝta Unuigo : fr. 1.70.

Libro de la profesoro : fr. 1.00.

Specialaj kondiĉoj por la profesoroj.

Aĉetebla : rue Moons, 47, ANVERS (Belglando). (78)

## La Revuo,

internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de

Dro ZAMENHOF.

Ĉe Hachette k. Ko, 79, Bould St.-Germain, Paris.

Jare : Fr. 7. (2,80 Sm.)

## La Signo Esperantista

estas

**LA VERDA STELO**

kaj

la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »

la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista ; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.

Prezo fr. 1.00 (40 Sd.) afranke en Belgujo. Sin turni al la Administracio de la ĵurnalo.

## SPINEUX & Co, Bruselo,

POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833

3, RUE DU BOIS SAUVAGE.

Vendas ĉiujn esperantajn librojn.

**KORESPONDAS ESPERANTE.**

TELEFONO No **3688**. (89)

## Lingvo Internacia

**Monata centra Organo de la Esperantistoj**

48 paĝoj (13×20 cm.), nur en Esperanto.

*Literatura Aldono*, 16 paĝoj.

Jara abono : 7 fr. 50 (3 Sm.)

## *Juna Esperantisto*

MONATA GAZETO POR JUNULOJ, INSTRUISTOJ KAJ ESPERANTO-LERNANTOJ

Jara abono : 2 fr. 50 (1 Sm.)

**ADMINISTRACIO**

**Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.**

**Specimenaj numeroj estas senpage riceveblaj.**

## *Esperantistoj !*

AĈETU LA VINOJN KIUJN VI BEZONAS ĈE LA

## Firmo ALFRED LAURENT-DESCOTTE

VINOJ

EN SOIGNIES (BELGIQUE).

*Fondita en 1880.*

**Ĉefaj vinoj de Bordeaux kaj de Bourgogne.**

**Diversaj blankaj vinoj, Ĉampano, hispanaj kaj portugalaj vinoj**

*KORBOJ*

povantaj enteni sortimenton da 20 boteloj da diversaj vinoj

Speciala prezo por Esperantistoj.

Oni korespondas Esperante. — Prezaro al dezirantoj.

Sendu la korespondaĵojn al

Sinjoro **Alfred PUTSAGE-LAURENT,**

*VINOJ*,

en HOUDENG-AIMERIES (BELGIQUE). (83)




**Mekanika bindilo**, kun risorta dorso, por Belga Sonorilo kaj Tra la Mondo.

Oportuna kaj praktika por konservi sendifekte la gazetojn.

Prezo, afranke en Belgujo, fr. 2,50

eksterlanden » 3,00

Ĉe So WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## Espero Pacifista

Monata organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco. Jara abono (aŭ minimuma kotizo) : 5 fr. (2 Sm.) Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas ankaŭ aliĝojn opajn. Sin turni al

**So GASTON MOCH, 26, rue de Chartres,**

*Neuilly-sur-Seine*, (Francujo).

## L'Annonce Timbrologique

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** (80 Sd.) en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ :* **3 frankoj** (1,20 Sm.) por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro Sro **ARNMAD DETIHER,**

**66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# LIBRAIRIE DE L'ESPERANTO

**15, Rue Montmartre — PARIS (Ier arr.)**

VIENT DE PARAITRE :

La deuxième édition revue et augmenté de

# ESPERANTO MANUEL

Cours pratique et complet en 15 leçons
par Gabriel CHAVET et Georges WARNIER

1 volume 160 pages 11×18 cm.
Prix broché 1 fr., franco 1 fr. 10; relié 1 fr. 30, franco 1 fr. 45.

L'accueil bienveillant fait par le Public et par les Professeurs à ce Manuel nous a amenés à publier une

**deuxième édition**

soigneusement mise au point et augmentée. Les questions grammaticales sont clairement et complètement expliquées avec de

**nombreux exemples**

qui en facilitent encore la compréhension. Les Auteurs ont insisté sur les particularités de l'Esperanto qui présentent quelque difficulté pour les Français. Les

**Thèmes et Versions**

sont gradués de façon à ce que l'élève n'ait besoin que des mots qu'il a déjà vus dans les

**Vocabulaires**

précédents. Ces vocabulaires sont suivis de remarques utiles ou d'expressions courantes qu'il faut connaître. Plusieurs

**Anecdotes**

donnent à l'ouvrage un aspect agréable et retiennent l'attention de l'élève. Comme il faut surtout s'habituer à *parler* l'Esperanto, les anecdotes sont suivies d'

**Exercices de Conversation**

L'ouvrage est complété par une table alphabétique grammaticale, le tableau des mots simples, sous une forme nouvelle et

**deux Lexiques**

(français-esperanto et esperanto-français) contenant tous les mots employés de la première à la quinzième leçon.

En résumé, Esperanto-Manuel constitue un

**guide excellent**

pour les professeurs d'Esperanto aussi bien que pour les personnes qui désirent apprendre

**seules**

et faire de rapides progrès. (71)



# Internacia Socia Revuo

MONATA ESPERANTA GAZETO

**Internacie redaktata kaj ilustrata pri ĉio, kio interesas la homaran vivadon.**

Redakcio kaj Administracio : 45, Rue de Saintonge, Paris 3e
**Jara abono** : 6 frankoj (2,40 Sm.) (pageblaj laŭvole kvaronjare fr. 1,75 (70 Sd.)
Abonantoj-monoferantoj ; Jare *almenaŭ* 20 fr. (8 Sm.)
Por ricevi unu numeron, oni sendu 60 cent. (24 Sd.)



# The British Esperantist

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novajoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (1,60 Sm.)
Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.



# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo de la
*Internacia Scienca Oficejo Esperantista*

JARA ABONO: 2,75 SPESMILOJ — 7 FR.
UNU No: 25 SPESDEKOJ.

Ĉe la Administracio kaj Redakcio:
6, rue Bovy-Lysberg en Genevo (Suisse).

*Laŭ bezone, ankaŭ ĉe Administranto de La Belga Sonorilo.*



# " TRA LA MONDO "

**Tutmonda multilustrata revuo esperanta**

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj.

Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo.

Oni abonas « Tra la Mondo » ĉe la belgaj, holandaj ka danaj poŝtoficejoj.

Postulu « Tra la Mondo » en ĉiuj francaj stacidomoj.



# Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero :** 1.00 franko. (40 Sd.)
**JARA ABONO : Belgujo :** 5.00 frankoj. (2 Sm.)
**Alilando :** 7.50 frankoj. (3 Sm.)

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,** LIEGO (LIEGE).



# L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . fr. 3.50 (1.40 Sm.)
Avec inscription à la Société fr. 4.00 (1.60 Sm.)